


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 10 OKTOBRO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

| **En landoj:** | |
|---|---|
| **Angla:** | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| **Aŭstra:** | Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487. |
| Belga: | Prof. Paul Bouts, école norm. cath., Eirlemont. Poŝtĉekk. 118656 Thienen. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Ĉila: | E. Herrera Valen, Clasificator 22°, Santiago. |
| Estona: | Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90544. |
| Norvega: | Nils Okland, Rommesveit. Stord. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |
| U. S. A.-a: | David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor. |

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 10
Oktobro 1930

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Administr: KARL KRÖBER, Weststr. 4, Riesa/Elbe, Germ., Poŝtĉekk. Dresden 110715
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



## Letero de Bonvolo.

### Al la Geknaboj Lernantaj en la tuta mondo, sendata de la Geknaboj Lernantaj en Formoso.

Ni, lernantaj geknaboj en Formoso, estas tre ĝojaj ricevinte de vi, geknaboj lernantaj en Anglujo, la leteron de Bonvolo. Al nia insulo jam ekvizitis la freŝa somero kun sia bela, verda kaj eĉ pitoreska kostumo; kia granda ĝojo estas por ni skribi respondan leteron al vi en tia bona sezono! Ni amas vian landon kiel la landon de „gentlemen“. Diversajn rakontojn pri via lando kaj vi, ni ofte aŭdas de niaj instruistoj. Ni treege volas kune kun vi lerni kaj ludi venante al via lando kaj ankaŭ estas nia arda deziro vin bonveni en nian landon, Japanlandon, sed ni devas atendi ankoraŭ tempon, kiam la estonteco iel alportos al ni la ŝancon de realiĝo. Vi diras ke ni ĉesigu interbatalojn. Ni havas tute saman opinion pri tio kaj eble neniu en la mondo kontraŭstaros kontraŭ tio, kaj niaflanke ni esprimas el nia tuta koro nian aprobon al vi, kaj ni kune kun vi klopodu por venigi sur la tero kiel eble plej baldaŭ la de ĉiu esperatan mondpacon, kaj ankaŭ por tio ke ĉiuj popoloj en la mondo faru grandan rondon familian.

Nun laŭ via brila modelo ni sendas la leteron de Bonvolo al geknaboj lernantaj en la mondo.

Nia insulo, Formoso, estas ordinare nomata Taiŭan; ĝi sin lokas norde de la insularo Filipino kaj ĝi havas interspacon de tri tagoj da ŝipa vojaĝo for de l' japana ĉefinsulo. Norda tropiko trakuras tra la mezo de la insulo. La loĝantoj konsistas el tri malsamaj popoloj: indiĝenoj estas 138 000; insulanoj, kiuj alvenis antaŭ longe de Ĥinujo, estas 390 000; japanoj estas 195 000; tiel ni, kvankam devenantaj de malsamaj praavoj, tamen tute pace vivadas. Ni

devas havi reciprokan interkomprenon kaj estimon, kaj ni iel povas venki barojn, eĉ se la moroj kaj modoj estas malsamaj, ĉar ja ni mem efektive faras tion kun bona konsento.

Ni jam ne volas interbatalon. Interbatalo estas ia restaĵaĉo de la antaŭa jarcento; nia epoko devas esti la epoko de paco kaj reciproka amo. Ĉiuj aeroplanoj kaj ĉiuj aeroŝipoj devas agadi kiel pacaj batalantoj. Ni arde esperas alvenon de la tempo, kiam estas farataj la vaporŝipoj anstataŭ batalŝipoj, kaj io, kio estas utila al ni, anstataŭ pafiloj kaj pafilegoj. Kiam ni fariĝos maturaj, ni neniam forgesos la instruon, kiun Nia Imperia Moŝto Meiĵi montris per odo: La popolojn de l' kvarmaroj ni rigardu kiel nian gefrataron.

---

## La Junularo kaj la Edukado por la Paco*).

Se ekzistas demando, kies gravecon neniu povas fordiskuti, kiu iamaniere laboras por la paco, ĝi estas la demando pri la edukado de la junularo.

Tute novaj problemoj ekstaras antaŭ ni. Mi ne scias, kiu oratoro diris, parolante pri la Asocio de Nacioj: „Estas necese, ke ni lernu teksi la teksaĵon de la paco."

Ĉiu popolo komprenas ĉi tiun taskon alimaniere kaj plenumas ĝin per la rimedoj, kiuj estas al ĝia dispono kaj precipe laŭ ĝia individua karaktero.

En mia hodiaŭa babilado mi povas nur iomete skizi, kiamaniere la laboro estas farata en la tri landoj, pri kiuj mi volas paroli al vi.

Ekzistas tute nova stato de la aferoj, sed samtempe ekzistas ankaŭ la neceseco, forigi malnovajn aferojn, kaj tio lasta certe ne estas facila. Ni ĉiuj estas edukataj per la spirito de la milito; la infanoj havas ankoraŭ rememorojn pri monumentoj, bildoj, libroj, kiuj predikas la gloron militan. Tio kio mankas al ni, kaj certe mankas ankaŭ al vi, estas nova edukado de la instruistoj. Unu el la plej necesaj klopodoj en Francujo devas esti pliriĉigi la dokumentaron pri la paco. La instruistoj, la profesoroj, ne havas ankoraŭ en la manoj sufiĉe da libroj kaj dokumentoj rilate al la laboro kaj al la spirito de la Ligo de Nacioj.

Kompreneble mi ne povas paroli ĉi tie al vi detale pri reformo de la lernolibroj, sed mi povas diri al vi, ke sekve de la klopodoj depost 1929 la aŭtoroj kaj la eldonistoj trovis sin devigataj regule aŭ forigi la frazojn, kiujn oni montras al ili kiel forigendajn aŭ aldoni je la fino de la libroj etikajn instruojn, rakontojn, legaĵojn koncerne la novajn rilatojn inter la popoloj.

Vi scias, ke en nia lando la lernolibroj ne estas devige enkondukataj per la ministerio — sed ili estas elektataj per departementaj komisionoj. Fakte povas okazi, ke vi trovas en Droguinon en iu ajn unuagrada lernejo libron, kiu ne estas uzata en Marseille. Kiam vi volas instrui vin mem pri la grado de graveco de franca porlerneja libro, vi tre verŝajne ne trompos vin demandante pri la nomo de la eldonisto. Ekzemple, kiam vi vidos libron pu-

---

*) Ĉi tiu artikolo enhavas la paroladon, kiun M-me Caroff, Paris, faris en franca lingvo en la kunsido de la „Erziehungsausschuss der Deutschen Liga für Völkerbund" la 5-an de Majo 1930 en la domo de la Reichstag en Berlin. Laŭ deziro de nia redaktanto mi tradukis la paroladon laŭ la afable sendita manuskripto.

Martha Moelke.

blikigitan per Hachette aŭ de la Grave, vi ĝenerale el tio povas konkludi, ke ĉi tiu libro havas gravan influon. Mi akcentas ĉi tiun punkton, ĉar ŝajnas al mi, ke en Germanujo ekzistas kelkaj eraroj rilate la francajn lernejo-librojn kaj ke oni malprave opiniis kelkajn librojn kun malagrabla tendenco gravaj, kiuj estas uzataj nur tre malmulte.

De ĉirkaŭ kvin jaroj oni lojale klopodis en Francujo, por energie forigi el la lernejaj libroj frazojn kaj partojn skribitajn en spirito de atakema naciismo. Oni tute sincere devas diri, ke la tasko estas grandega kaj ke nia generacio ne kapablas plenumi ĝin sufiĉe bone. Sed ne forgesu, ke ni havas 70 000 instruistojn kaj instruistinojn, kiuj estas membroj de la Fédération Internationale des Instituteurs (Internacia Federacio de Instruistoj), kaj ke la plej granda parto de l' membroj de ĉi tiu federacio — ĉiu unuopa en sia sfero — laboras por la paco.

De tri aŭ kvar jaroj la klopodoj por konatigi la Ligon de Nacioj evoluas pli rapide. La Ministro por la Publika Instruo faris multon per cirkuleroj, por subteni en la normalaj lernejoj*) la konkursojn pri la Ligo de Nacioj. Ĉi tiuj konkursoj estas organizitaj per la „Conseil National des Femmes Françaises" (Nacia Konsilantaro de la Francaj Virinoj) en la jaro 1927; post du jaroj ili verŝajne okazos en ĉiuj normalaj lernejoj.

Ili ampleksas du skribajn demandojn kaj la lernanto, kiu gajnas la unuan premion, ricevas sumon, kiu permesas al li restadon en Genève dum la daŭro de la „Assemblée"**).

En la lernejo de Sèvres konferencoj estas aranĝitaj antaŭ bonvola aŭskultantaro, konsistanta el la plej granda parto de la lernantoj kaj la instruistaro de la lernejo. Mi citas, kiel interesan evoluon, la studo-grupon, formitan de la volontuloj inter la lernantoj de ĉi tiu lernejo. La membroj de ĉi tiu grupo faras ekstraktojn el bultenoj, revuoj, ĵurnaloj. Jen kelkaj demandoj, proponitaj por studado:

„Sintenado de certaj landoj rilate la Ligon de Nacioj";
„La senarmigo";
„La ekonomiaj kontraktoj".

Je la tago de la provizora paco oni parolas al la lernantoj en la plimulto de la lernejoj pri la Ligo de Nacioj kaj la koncernaj lecionoj faratаj per la instruistoj rezultas el diversaj agadoj:

Interlerneja korespondado;
organizacio de Ligo de Boneco;
universitata grupo favora al la Ligo de la Nacioj.

Apude mi menciu provon, pri kiu vi verŝajne jam aŭdis. En Biérville (1927), en Freiburg (Breisgau), en Petersfield 150 infanoj, knaboj kaj knabinoj inter 12 kaj 14 jaroj, anglaj, francaj, germanaj, unuiĝis sub la gvidado de kelkaj instruistoj, por interkonatiĝi kaj instrui sin reciproke pri sia respektiva lingvo. Ĉi tiuj infanoj evidente havas plezuron esti miksitaj kun siaj kamaradoj el aliaj landoj. Pro tio, ĉar en ilia aĝo la faktoroj de alproksimiĝo

*) „Ecole normale" oni nomas en Francujo la seminariojn por instruistoj.
**) Oficiala kunsido de la Ligo de Nacioj.

estas pli multnombraj ol la faktoroj de fremdiĝo, mi kredas, ke ni ankoraŭ ne sufiĉe alte taksis la gravecon, kiun tia alproksimiĝo de la infanoj povas havi por la estonta evoluo de la paco.

Antaŭ ol mi finas ĉi tiun rapidan skizon, mi volas atentigi vin pri afero, kiu ŝajnas al mi karakterizi la staton de l' instruado pri la paco en Francujo. Iu ajn diris, ke la plej granda forto de l' Ligo de Nacioj estas, ke ĝi ekzistas. Tio parte estas vera rilate la aferon, kiu min okupas. Mi ne kredas, ke simple pacifista idealo estus sukcesinta, veki viglan intereson inter la instruistoj aŭ inter la lernantoj. La Ligo de Nacioj — tute neperfekta kiel ĝi estas — realigis la idealon de la paco; ĝi estas vivanta realaĵo, kiu jam havas pasintecon, al kiu sin direktas la esperoj de l' estonteco. —

Ĉi tio eble ankoraŭ pli valoras en Anglujo. Nur per la aktiveco de la „League of Nations Union" la porpaca eduko stariĝis inter la angla junularo. Ĉi tiu asocio havas 800 000 membrojn kaj 2 000 grupojn disvastigitajn super la tuta unuigita reĝlando. Ĝi eluzis siajn fortojn same por la edukado de l' instruistoj, kiel por la edukado de la lernantoj.

Oni ne forgesu, ke la demando pri publika instruado prezentas sin alimaniere ol en Francujo. La oficialaj decidoj apartenas al la lokaj komitatoj, „Local Boards of Education"; do en ĉiu de la graflandoj la „League of Nations Union" devis labori.

Sekve de rekomendo de subkomitato el spertuloj, nacia konferenco de aŭtoritatuloj okazis en la jaro 1927. La reprezentantoj de diversaj grupoj de profesoroj kaj instruistoj publikigis deklaracion, kiu montras, ke la angla instruistaro preskaŭ unuanime postulas eblecon por instrui pri la Ligo de Nacioj en diversaj lernejoj kaj institutoj. „La Ligo de Nacioj" — tion speciale diras ĉi tiu deklaracio — „okupas sin ne nur pri diskutoj inter la popoloj, ĝi estas la plej grava organo, kiu iam ajn estas kreita, por instigi la naciojn al kunlaboro en ĉiuj demandoj, kiuj rilatas la bonstaton de la popoloj".

La nombro de unuiĝoj organizitaj en Anglujo per la Asocio, estas preskaŭ nekredebla. Mi parolis dum la pasinta jaro kun sinjoro Whelan, la konferencisto por la infanoj; li diris al mi, ke li parolis antaŭ 200 000 infanoj de la Ligo de Nacioj.

Kelkfoje la aŭtoritatuloj de la „Local Education" invitis la konferencistojn, por ke ili parolu sub libera ĉielo al lernantoj unuiĝintaj el diversaj lernejoj; en Rugby, en Canterburry, en Leicester tiaj kunvenoj okazis, kaj la tempo uzita por la konferenco estas rigardita kiel tempo por lernejaj lecionoj.

Evidente la konferencoj ne estas la sola rimedo por interesigi la junularon. En ĉirkaŭ 400 lernejoj diversspecaj oni fondis tion, kion oni nomas „Junior Branches" (junularajn branĉojn) de la Asocio. La infanoj, knaboj kaj knabinoj, fariĝas membroj de l' asocioj. Oni sendas al ili ilustritajn broŝurojn, dokumentojn. Ili aranĝas kunsidojn; ĉiu infano elektas por si unu specialan nacion; ĝi interesiĝas speciale por la koncerna lando; ĝi kondutas inter siaj kamaradoj kiel reprezentanto de la koncerna lando. Plej ofte ĉi tiuj junularaj asocioj entreprenas aktivan korespondadon kun infanoj de aliaj landoj. En kelkaj lernejoj okazas modelaj kunvenoj, imitantaj la kunvenojn de la Ligo de Nacioj, kun bildoj, kiuj montras la laboron de la Ligo de Nacioj.

La malfacila tasko en Anglujo estas faciligita per bibliotekaj rimedoj, pri kiuj disponas la Asocio kaj per kiuj ĝi ne hezitas grandanime subteni la societojn, kiuj petas pri tio.

La Asocio eldonas por la infanoj „La Novaĵoj de la Ligo“, kiujn ĝi aperigas en 30 000 ekzempleroj, kaj por la plej junaj infanoj ĝi eldonas „La mirinda Ligo“.

La Asocio ne volis ŝarĝi sin per revizio de la lernejaj libroj; ĝi turnis sin al la „Asocio Historia“, kiu regule publikigas certan nombron de lernejaj libroj, en kiuj la brita civilizacio havas sian lokon — kiel decas — inter la aliaj civilizacioj. La plimulto de la historiaj libroj, publikigitaj dum la lasta tempo, enhavas ĉapitrojn de la Ligo de Nacioj.

En la kolegioj kaj la universitatoj la propagando por la paco estas farata per la societo „British University League“ de la Ligo de Nacioj. Ĉi tiu ligo havas branĉojn en ĉiuj universitataj centroj de Granda-Britujo. Ekzistas ĉirkaŭ 1 000 membroj de la societo en Cambridge kaj en Oxford, 600 en la universitato de London. Ĝi mem resumis sian celon per jenaj vortoj: Studado de la internaciaj demandoj, konatigo de l' ekzistado kaj de l' agadoj de la Ligo de Nacioj. La societo kompreneble devas deteni sin de ĉiu politika propagando.

Do vi vidas, ke la laboro por la paco, entreprenita en Anglujo, estas preskaŭ unika sub la aŭspicioj de la League of Nations Union. La juna anglo en la kamparo aŭ la infanoj de la industriaj urboj, al kiuj oni montras filmon aŭ kiuj aŭdas konferencon, ne komprenas la pacon alimaniere ol per la entrepreno de la Ligo de Nacioj. Mi kredas, ke oni povas resumi per unu frazo tion, kion la infano pensas: „Ni ĉiam havis la militon, nun ni havas la Ligon de Nacioj, kiu instruas nin fari la pacon.“

Ŝajnas al mi, ke — kiam en Francujo kaj en Anglujo oni okupas sin konatigi la Ligon de Nacioj al la junularo kaj lernigi ĝin kompreni fundamentajn ideojn de internacia kunlaboro — en la Unuiĝintaj Ŝtatoj la problemo de l' porpaca edukado por la junularo estas prilaborata en la plej kompleta maniero. Mi ĉi tie ne volas pretendi, ke ĉiuj estontaj civitanoj de la Unuiĝintaj Ŝtatoj estas instruataj rilate la konon de l' paco, sed la propagando, ellaborita per la „Educational Committee of the League of Nations Associations“ (Eduka Komitato de la Asocioj por Ligo de Nacioj) montras spiriton de praktika realigo, kiu miaopinie devas altiri nian tutan atenton. Ĉar la registaro de Usono rifuzis fariĝi membro de la Ligo de Nacioj, la porpaca instruo povas ŝajni iom malfacila; ĉi tiu instruo evidente ne povas havigi al si iun ajn oficialan subtenon. Cetere, ĉar ne ekzistas centra oficejo de la publika instruado, oni devas fari propagandon en Usono. Dank' al la inteligenteco kaj al la organizemo de la Eduka Komitato, fondita 1929, surprizigaj rezultatoj estas atingitaj. La komitato dum sia fondiĝo akceptis principon, de kiu ĝi neniam deiris.

En la multaj broŝuroj, lernejaj libroj, revuoj, kiujn ĝi eldonis kaj distribuis al la plej diversaj asocioj, ĝi estas pritraktinta la Ligon de Nacioj de sur historia vidpunkto, rigardante la laste nomitan kiel „fait accompli“, montrante al la publiko ĝian aktivecon, sed ĉiam evitante kritiki la nealmembriĝon de Usono.

Tio, kio nin, la eŭropanojn, mirigas, tio estas la fakto, ke en la lernejoj, la kolegioj aŭ la universitatoj la instruado pri la Ligo de Nacioj nur tre malofte estas malakceptita flanke de la aŭtoritatuloj. La instruistoj estas malofte, kiuj rifuzas ĝin, aŭ kiuj kontraŭstaras ĝian enkondukon en la historiaj kursoj aŭ en la kursoj pri civitanaj konoj.

La Eduka Komitato tre ĝuste opiniis, ke, antaŭ ol oni povas turni sin al la junularo por konatigi ĝin kun la Ligo de Nacioj, estas necese komenci per preparado de l' spirito de l' infanoj, por ke ili komprenu la porpacan instruadon. Mi dezirus, ke mi povus doni al vi ĉi tiun tiel inteligentan programon en ĝia tuteco.

Oni antaŭ ĉio volas veki en la infano la intereson, la scivolemon pri la aliaj landoj kaj ĉion tion per la plej simplaj rimedoj. Tio postulas, ke oni metu antaŭ la okulojn de la infanoj ĉion, kio povas helpi ilin enpenetri en la vivon de la aliaj landoj. Oni uzas pro tio komparojn, kiuj estas kompreneblaj por la infano: helpe de poŝtkartoj aŭ gravuraĵoj oni instigas ĝin, konstati, en kiu grado du grandaj urboj estas similaj aŭ malsimilaj. Oni priskribas la manierojn de transportado de unu lando al alia, montrante al la infano, se estas eble, modelojn.

La domoj, la ludoj, la lernejoj, la ĝardenoj, la kantoj kaj la dancoj de aliaj landoj estas priskribataj kaj klarigataj en tre simpla maniero. Oni volas enpenetrigi la spiriton de l' infano en la konon de la reciproke dependigaj rilatoj de la landoj. La tuta temo povas ŝajni iom seka, sed oni faris ĝin amuza kaj facila helpe de konkursoj per malgrandaj ludoj. Tiamaniere oni konstatas la necesecon de reciproka helpo, kaj post kiam oni montris al la infanoj, kiom estas nature, ke la infanoj helpu unu la alian, oni eksplikas al ili, ke la nacioj same devas kaj povas helpi unu la alian. Fine oni venas al la demando pri plendoj kaj malharmonioj inter la infanoj. Ĉi tiuj plendoj, kiuj estas provokitaj plej ofte per ĵaluzeco, per subpremo de l' malfortulo flanke de la fortulo, tre ofte povas esti forigataj per tria persono. La nacioj estas kiel la infanoj: iliaj plendoj, provokitaj per la samaj motivoj, povas ankaŭ esti aranĝataj per arbitracianto. La familio de nacioj estas tre multnombra; ĝi havas 54 membrojn, kiuj ĉiujare unuiĝas en Genève. Alveninte al ĉi tiu punkto, oni facile povas veki la intereson de la infanoj por la Ligo de Nacioj.

La Eduka Komitato aperigis bonegajn malgrandajn librojn, verkitajn de virinoj, kiuj rakontas la raportojn pri plendoj jam forigitaj per la Ligo de Nacioj kun ĉiuj detaloj de loka pitoreskeco. Mi ĝis nun parolis pri infanoj de la unuagrada lernejo, t. e. de 8—12-jaraj infanoj.

La lernantoj de la „Highschools“ havas preparon tre kompletan, ĉar certa nombro el ili jam organizas konkursojn kaj eĉ modelajn oficialajn kunvenojn.

De kvar jaroj la Eduka Komitato organizis en la duagradaj lernejoj nacian konkurson koncerne temon pri la Ligo de Nacioj. La nombro de partoprenantoj al ĉi tiuj konkursoj pliiĝas ĉiujare. En la jaro 1929 1 446 lernejoj el ĉiuj partoj de Usono partoprenis ilin. La unua premio konsistas en sumo, kiu ebligas la vojaĝon al Genève. Tio, kio ŝajnas miriga, kiam oni pripensas la aĝon de la lernantoj (knaboj kaj knabinoj inter 14 kaj 16 jaroj), estas la malfacileco de la demandoj; jen kelkaj ekzemploj:

„En kiu maniero la sekretariaro de la Ligo de Nacioj sukcesigas la organizacion de la Ligo de Nacioj?“ —

„En kiuj rilatoj la Ligo de Nacioj povas limigi la liberecon de la registaroj?“ —

„La rilatoj inter la senarmigo kaj la arbitracia kortumo.“

Oni ne forgesu, ke krom la lernantoj, kiuj partoprenas al tiaj konkursoj, kompreneble sufiĉe granda nombro da gepatroj kaj profesoroj kaj bibliotekistoj interesiĝas pri la afero.

La Eduka Komitato ĵus organizas similan konkurson en la seminarioj. Tie la demandoj ricevas pedagogian karakteron. Jen unu el la demandoj:

„Klarigu en tre detala maniero la metodojn, kiujn vi aplikus dum semestro en certa klaso, por montri al viaj lernantoj la internacian laboron kiel la normalan vojon, por direkti la mondon."

Mi citas kiel tre karakterizan la respondon de kolegio en New York al demandaro, kiun por ĝi starigis la Eduka Komitato pri la instrumetodo rilate la Ligon de Nacioj:

„Ni klopodas alkutimigi la studantojn kaj al la forteco kaj al la malforteco de la Ligo de Nacioj, por ke ili esperu nek tro da rezultatoj, nek rezultatojn frumaturajn."

Same interesa ŝajnas al mi la respondo de kolegio en Ohio:

„Ni ne pritraktas la Ligon de Nacioj en propaganda senco, sed ni pritraktas ĝin de sur scienca vidpunkto kiel efektivan elementon de mondrilatoj, konsiderante ĝiajn sukcesojn kaj ĝiajn malsukcesojn."

Mi parolis al vi pri modelaj kunvenoj, kiuj okazis en Anglujo, sed en Usono ili havis evoluon perfektan.

Mi partoprenis en New York kunvenon, en kiu la lernantoj, knaboj kaj knabinoj de la Morris-lernejo, donis prezentaĵon. Dudeko da junuloj kaj junulinoj sur estrado — ĉiu reprezentanta delegiton de la „Assemblée" de la Ligo de Nacioj — aranĝis mallongajn debatojn, dum kiuj ĉiu el ili klopodis imiti la parolmanieron kaj la spiriton de la nacio, kiun ĝi reprezentis. Tio, kio mirigis min plej multe, estis la vigleco, la klareco, la koncizeco de la debatoj, dum ĉi tiuj junaj homoj ne estis pli aĝaj ol 17 jarojn. Tio estas nur elementa tipo de modela kunveno. Tiuj, kiuj okazas en la kolegioj kaj universitatoj kaj precipe en la „Interkolegiaj Kunvenoj", t. e. en la kunvenoj, kiuj unuigas la membrojn de diversaj kolegioj de unu ŝtato, estas multe pli kompletaj. Ili postulas preparan laboron de semajnoj, eĉ de monatoj. Kelkfoje la invito de unu kolegio turnas sin al kolegio de aliaj ŝtatoj, ekzemple al ĉiuj de Nov-Anglujo. La kunsidoj de ĉi tiuj interkolegiaj kunvenoj daŭras 2 tagojn; dum ili oni diskutas temojn taŭgajn por esti antaŭmetataj antaŭ la tribunalon de Genève. Laŭeble oni elektas la lernantojn de fremdaj nacioj, por ke ili reprezentu sian hejmlandon. La seriozeco, la honora konduto, la sintenado de ĉi tiuj junaj homoj mirigas la aŭskultantaron. Pripensu, ke ekzistas 200 tiaj kunvenoj en la diversaj lernejoj kaj universitatoj en Usono. Tiuj ciferoj kaj la antaŭe nomitaj atentigas nin pri la grandegaj klopodoj faritaj per la „Association for the League of Nations". Forto de inteligenteco kaj obstineco, precipe kreita de la virinoj! Estas vere, ke ĉi tiu forto sin turnas al juna lando, al lando, kiu ankoraŭ kun fervoro povas dediĉi sin al nova ideo. La porpaca instruo en Usono ŝajnas al mi plena de promesoj por la estonteco. Vole-nevole ni estas sur la vojo, „amerikanigi nin".

Se la junularon de Usono traprenetros la porpacaj pensoj, se ĝi per sia edukado sukcesos ellabori teknikon de la paco, fakte la mondo faros grandan paŝon por subpremi la militon.

---

# Korpekzercoj kiel lerneja fako.

De Elin Falk.

Tradukis S. Engholm, Svedujo.

La fizika edukado en lernejoj por infanoj kaj gejunuloj certe progresis multe dum la lastaj jaroj sed ankoraŭ ne en sufiĉe praktika direkto. En pluraj aliaj landoj, kaj ankaŭ en certaj lokoj en la nia, oni de jardeko interese laboras por tiel aliformi la korpekzercojn de la lernejoj, ke ili pli bone helpu la lernantojn akiri sanan vivoĝojon, laborkapablon, bonajn kutimojn de movoj kaj pozicioj. Vidinte gimnastiklecionon, sufiĉe multaj el miaj legantoj eble miris, ĉu ĉiuj tiuj strangaj kaj komplikitaj piedmetoj, strecklinoj ktp., kiujn oni ekzercas, vere povas havi grandan signifon por korpa kulturo kaj sano de la lernantoj. Ne, la strangaj ekzercoj certe ne havas tion. Ĝuste estas manko en la fizikedukado de multaj lernejoj, ke la lernantoj havas ekzercon en tro artefaritaj movoj sed malmulte aŭ tute ne lernas la pli naturajn, kiuj pli bone disvolvas ilian forton, rapidecon kaj rezistpovon, helpas ilin ekkompreni, kiel ili devas stari, iri, salti, sidi, kuŝi ktp.

La plej granda kaŭzo de la aluditaj ŝanĝoj verŝajne estas parte esploroj de fakuloj pri diversaj labormetodoj en certaj metioj kaj ĝiaj deformantaj efikoj je la laboristoj; tiuj esploroj montras i. a. ke la liberaj movoj, t. e. movoj faritaj per plej malmulte da necesa forto kaj en plej bona korpa pozicio, faras la laboristojn sufiĉe rezistkapablaj kaj plej malmulte malutilas al ili. Kelkaj agemaj industrigvidantoj en Usono komencis tiun esploradon antaŭ kelkaj jardekoj, kaj nun ĝi okazas ankaŭ en aliaj partoj de la mondo. Parte la aktiveco de la famaj sportuloj helpis al reformoj de la lerneja korpedukado. Ĉar la rezultoj de la sportuloj estas sufiĉe grandskale esploritaj de sciencistoj, kiuj klarigis la signifon de la koncerna tekniko. Ekzemple, kiom multe reformiĝis la manieroj stari, iri kaj kuri dank' al la sportuloj: Pli frue oni instruis la lernantojn stari, iri kaj kuri kun la piedpintoj pli malpli flanken, tiel sendube akcelante la suferigan platpiedon. Nun la „steloj" inter sportuloj instruis nin, ke estas pli praktike stari, iri ktp. kun la piedoj rekte antaŭen.

*

La plej necesa premiso por ke la korpekzercoj en la lernejoj por infanoj kaj gejunuloj fariĝu plejeble utilaj por la lernantoj, estas, ke ĉies propra higieno pli kaj pli bone ordiĝos, per kunlaboro inter lernejo kaj zorgantoj, per prizorgo de komunumoj aŭ ŝtato.

Ankaŭ estas necese fari la aranĝojn por la korpekzercoj en la lernejoj mem higiene pli kontentigaj ol ili nun estas en la plej multaj lokoj. Ĉiu lernejo devas havi gimnastikhalon, pli granda lernejo plurajn, sufiĉe vastajn, same sufiĉe vastan sportlokon aŭ plurajn malpli grandajn — tiel, ke ĉiu grupo (20 ĝis plej multe 40 lernantoj po unu instruisto) povas ricevi instruon en-

dome aŭ ekstere almenaŭ dum tri lecionoj posemajne. Ankaŭ estas necesaj sufiĉe multaj ĉambroj por ŝanĝi vestojn, same varm- kaj malvarmduŝoj, se eble en kuneco kun sun- kaj aerbanlokoj. Zorgeca purigo de ĉiuj en- kaj eksterdomaj establaĵoj estas necesa. Neniam la lernantoj bezonas tiom multe da pura aero, kiom dum viglaj korpekzercoj; ankaŭ ili neniam estas tiom ricevemaj al infektoj kiom tiutempe; ĉar tiam ili ofte devas spiri ankaŭ tra la buŝo. Malsufiĉas kaj gimnastikhaloj kaj sportlokoj en nia lando, kaj la purigo ofte estas nesufiĉa.

Lernejoj de grandurboj bezonas sportkabanojn en la kamparo, konvene proksimaj al koncerna urbo.

Laŭ estiĝo de sufiĉe multnombraj gimnastikhaloj kaj sportejoj ĉe niaj lernejoj por infanoj kaj gejunuloj, oni devas plilongigi la tempon por la korpekzercoj de la lernantoj. Eble estus pli feliĉe, se la svedaj lernejoj sekvus la ekzemplon de Anglio: kie la lernantoj ĉiun sabaton estas liberaj de la ordinaraj leg- kaj skriblecionoj sed sub gvido de la lernejo uzas tiun tempon por korpekzercoj en libera aero kaj cetere por hejmtaskoj por la venonta semajno. Se oni aranĝus la instruadon tiamaniere ankaŭ ĉe ni, la lernantoj ricevus vere liberan dimanĉon por bezonata ripozo kaj refreŝiĝo. Envere ne estas tro frue ricevi tion. Eble la kritikitaj sporttagoj povos evoluiĝi en tiu direkto?

*

Kiam ne estas malvarme la knaboj kaj malgrandaj knabinoj dum la ekzercoj portu ban- aŭ sportpantalonojn, se tio estas ebla, por ke la haŭto estu ventumata kaj lumigata; por pli aĝaj knabinoj eble pli konvenas kelkafoje la jam nun sufiĉe uzata trikotvesto, kiu kovras ankaŭ la brustajn partojn. Ĝenerale estas plej utile, ke la lernantoj ekzercas nudpiede. Tiel la formo de la piedoj pliboniĝas, kaj ili fariĝas pli fortaj. Per la nomita nudetvesto hardiĝas kaj fortiĝas la haŭto, kaj malvarmumoj estas antaŭforigataj. Ĝi ankaŭ donas al ili deziron movi sin vigle kaj libere, kaj la instruisto povas pli facile prijuĝi kaj korekti iliajn labor- kaj ripozmanierojn. Krome la lernantoj fariĝas pli atentemaj pri la ordinaraj ŝuoj kaj vestoj — ili pli facile rimarkas, ĉu tiuj estas tro mallarĝaj aŭ pezaj.

Oni ne devas forigi de la korpekzercoj iujn lernantojn, kiuj partoprenas la ceteran instruadon, se ili ne havas okazan malsaneton. En tiu okazo oni devas anstataŭi la ekzercojn je ripozkuŝado en libera aero, en instruista ĉambro apud la gimnastikhalo aŭ en alia konvena loko, kion oni certe povas aranĝi ĉe la plej multaj el niaj lernejoj, ankaŭ se ili ne estas tiom bonaj kiom kelkaj amerikaj: Tie ekzistas apud la gimnastikhalo aparta ripozĉambro por malsanaj lernantoj. Eĉ tre malfortaj kaj parte kriplaj lernantoj povas havi konvenajn ekzercojn, se en ĉiu grupo estas 20—40 partoprenantoj kaj oni instruas ilin laborimem. Kelkiam oni bezonas nur forigi kelkajn ekzercojn, kiuj timigas la malfortulojn aŭ estas tro lacigaj al ili. Alian fojon konvene anstataŭas ilin mallonga rapida marŝo al iu fiksita celo. Oni neniam devas sidigi lernantojn, kiuj ne povas partopreni korpekzercajn lecionojn, en klasĉambro aŭ io simila por leg- aŭ skriblaboro. Instruistoj, kiuj agas tiel, montras, ke ili ne komprenas la plej bonon de la lernantoj.

Kuracisto, eksperto ankaŭ koncerne korpekzercojn, devas decidi, ĉu malpliigo de la lerneja laboro, inkluzive la korpekzercoj, estas necesa por iu lernanto.

K o n v e n a h o r o d u m l a l e r n e j a t a g o p o r l a k o r p e k z e r c o j de ĉiu grupo estas ĝenerale neebla pro skemoteknikaj kaŭzoj. Se oni devis loki manĝopaŭzon, lacigan lernobjekton aŭ praktikan laboron tuj antaŭ la korpekzercojn, oni devas unue okupi la lernantojn per ekz. iu gaja sida aŭ kuŝa ripozludo, kaj iom post iom sekvas pli viglaj kaj malfacilaj movoj. Eble estas kelkiam prudente ankaŭ dum la resto de la leciono doni ekzercojn, kiuj ne postulas multe de ilia volpovo kaj kombinkapablo, precipe de la balanckapablo; se multe postulanta teoria aŭ praktika laboro devas sekvi la gimnastiklud-sportan lecionon, oni je la fino de tiu devas enmeti kelkajn facilajn, gajajn ekzercojn kaj fine mallongan, tute malstreĉigan ripozkuŝadon sur la ekzercloko.

Kelkaloke, kaj ankaŭ en la lerneja mondo, oni bedaŭrinde ankoraŭ kredas, ke korpekzerco post laciga penslaboro donas ripozon. Alterno de mensa kaj korpa laboroj signifas ja bone mastrumi la fortojn de la lernantoj. Sed tiu metodo taŭgas nur ĝis certa limo. Ĉar ambaŭ labormetodoj lacigas kaj unue la nervsistemon, kvankam en parte malsimilaj manieroj. Tial ne nur la gvidantoj de lernejo devas enmeti konvenajn paŭzojn en la tagan programon kaj doni laŭeble bonan varion en la alterno de la lecionoj, sed ankaŭ ĉ i u instruisto devas observi ilian labormanieron kaj, se necese, iom faciligi la laboron aŭ dume permesi ioman ripozpaŭzon — se eble kun malfermitaj fenestroj.

Estas unu el la ĉefaj kondiĉoj, por ke la korpekzercoj en la lernejoj por infanoj kaj gejunuloj donu bonajn rezultojn, ke b o n a j i n s t r u i s t o j gvidas ilin. „La zorgo pri la korpo kaj la zorgo pri la animo ne estas du malsamaj devoj sed du flankoj de sama devo", diras konata amerika filozofo. Instruisto en korpekzerco tial devas klerigi kaj perfektigi sin tiel, ke li ankaŭ povu gvidi la lernantojn al kompreno pri la intima kunligo de korpa kaj mensa kulturo; komprenigi al ili ke observado pri si mem kaj regado kaj de la ekstera kaj de la interna homo estas necesaj, praktikaj helpiloj en la vivo. Nuntempe ne ekzistas multaj tiaj instruistoj.

Same kiel instruisto en korpekzercoj bezonas fundamentan mensan klerecon kune kun la korpa, same instruisto en leg- kaj skribobjektoj bezonas korpan kulturon apud la pli mense akcentita. Tiu kulturo helpas lin interalie instrui al la lernantoj praktikajn manierojn de pozicioj kaj movoj dum la laboro. K u n l a b o r o i n t e r l a d i v e r s a j f a k i n s t r u i s t o j rilate al mensa kaj korpa perfektiĝo de la lernantoj estas tre necesa.

Higieninstruo en lernejoj por infanoj kaj gejunuloj devas per praktika aplikado pliampleksiĝi tiel, ke la lernantoj ricevu veran praktikon en korpa prizorgo. T e o r i e oni certe klarigas al ili, ke ekz. freŝa aero „estas la plej grava el ĉiuj nutraĵoj", kaj la pli aĝaj lernantoj eble eĉ scias, el kio ĝi devas konsisti por esti freŝa. Sed — oni bezonas nur momente eniri lernoĉambron meze en leciono por kompreni, ke la tie laborantaj estas nesentemaj al malbona aero. Oni devas ekzerci la lernantojn priatenti bonan aeron, reagi kontraŭ malbona kaj postuli sufiĉan ventoladon tra la fenestroj, ne nur en gimnastikhalo sed en ĉiuj lernoĉambroj kaj en la hejmoj. En kunligo kun la teoria higieninstruo la lernantoj ankaŭ bezonas pli da praktikaj ekzercoj kaj pli da individue konvenaj konsiloj pri nutraĵo, vestoj, korpa purigo ktp.

L a l e r n e j k u r a c i s t a n k a j l e r n e j f l e g a n t i n a n i n s t i t u c i o j n oni devas plivastigi al pli kaj pli multaj lernejoj por infanoj kaj ge-

junuloj. La kuracistoj de la lando devus esti gvidantoj kaj konsilantoj koncerne la korpekzercojn de la lernejoj same kiel rilate al alia higieno. En la kuracista studkurso tial devus enesti mallonga kurso pri gimnastiko, ludo kaj sporto, kune kun praktika aplikado de la korpekzercoj en la plej tipaj labormovoj, laborpozicioj kaj ripozmanieroj. (Daŭrigo.)

---

## Ĝenerala Libera Instruistsindikato de Germanujo (AFLD).

La AFLD*) (Allgemeine Freie Lehrergewerkschaft Deutschlands), kiu estas aliĝita al „Ĝenerala Germana Oficistunuiĝo" (ADB = Allgem. Deutscher Beamtenbund), okazigis la 12-an kaj 13-an de junio en la popoldomo en Görlitz sian jarkunvenon. K-do Schallock, prusa parlamentano, akcentis en sia salutparolo, ke la kunlaboro kun la grandaj sindikataj laboristaj organizoj donas al la instruistsindikato la necesan batalforton. La scio, ke la instruistoj kaj oficistoj devas iri kune kun la laboristoj kaj dungitoj, atingas ĉiam pli da bazo kaj venigas senĉese novajn membrojn al la instruistsindikato.

La reprezentanto de la ADB, k-do Kotzur-Berlin akcentis en sia salutparolado, ke la ekonomia kaj politika barometro anoncas ventegon. La libersindikata oficistmovado kune kun la libersindikataj laboristoj klopodos, malebligi la intencitan malplibonigadon de la ekonomia nivelo de la germana laboristaro. Tiu kunveno ne nur parolu, sed ĉe la fino de la diskuto staru la rezulto: La libersindikata instruistaro estas preta al kontraŭbatalo.

Post la elekto de la oficejo raportis D-ino Adelheid Tornhorst-Düsseldorf pri „AFLD kaj laika lernejo". Ŝi montris, ke la senkonfesia lernejo estas luktita de la laboristaro. Sed rimarkiĝas viglaj tendencoj por paralizi la laboristan influon.

*) Por alilandanoj: AFLD havas proksimume mil membrojn.

Poste parolis k-do Füllgraf-Kiel pri la projekta lernejprogramo de AFLD. Tiu projekto ne volas esti programo por la publiko, sed doni direktilon por novtempa lernejprogramo de la sindikata instruistaro.

La duan tagon raportis la administranto, ke la AFLD post la lasta jarkunveno kreskis je 30%, kaj estiĝis du novaj grupoj Gross-Hamburg kaj Danzig. La raporto de la estraro, donita de k-do Schallock, atestis la unuaniman kunlaboron por la progresigo de la organizo. La fakorgano „La Popolinstruisto" sub la gvidado de k-do von Bracken tre bone apogis la laboron. Nuntempe elvenos la „Historio de la libersindikata instruistorganizo".

La internaciaj interrilatoj evoluiĝis sufiĉe. La AFLD aniĝas al la Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj (membro de la Internacia Sindikata Unuiĝo de la Amsterdama Internacio).

Pri la laika lernejo oni akceptis jenan decidproponon: AFLD preparas lernejprogramon. Ĝis ĝia finakcepto al la membroj estas rekomendate: La kreo de liberaj laikaj lernejoj estas subtenenda, se la Unuiĝo de Liberaj Lernejsocietoj aŭ liberaj sindikatoj ilin fondas.

La kunveno finis per manifestacio de la urba ADB kaj AFLD en la urbhalo. K-do Simon parolis pri „ekonomia krizo kaj lerneja mizero", k-do Viehweg-Weimar pri „lukto kontraŭ nacisocialista lernejdiktatoreco en Turingio".

Ar.

---

# Eduko al celkonscia kaj praktika generacio en Hungarlando.

## Esperanto kiel helpa lingvo.

Oni legas nun ofte en Budapestaj gazetoj pri agado, prelegoj kaj raportoj de la Ligo de Gepatroj. De jaroj ili havas prelegojn en la pedagogia seminario — kie instruis lastjare A. Ĉe — sub titolo: La lernejo de la gepatroj. La Ligo adoptas la plej modernajn pedagogiajn, psikoanalitikajn metodojn, observas, eksperimentas, edukas kaj instruas laŭ ili — en unua vico la gepatrojn. Ĉar ĉiam pli multaj gepatroj konsciiĝas pri tio, ke oni ne povas kontentiĝi kun la eduko, instruado kaj sciigoj de la instruistoj, edukistoj, profesoroj, sed ankaŭ ili devas ion scii pri laŭfaka kaj laŭcela eduko de la infanoj. La raciigo de la edukado kaj de ĉio devigas la gepatrojn, ke ili ankaŭ unuiĝu — kiel jam okazis en multaj landoj, precipe en Usono — kaj kune priparolu kaj studu siajn taskojn kaj farotaĵojn. La ĝenerala interesiĝo kaj la fakto, ke mi mem estas ankaŭ patro, donis al mi la impulson, ke mi serĉu interrilaton kun la direktoro de la Ligo de Gepatroj en Budapest, sinjoro Várady, precipe, ĉar mi aŭdis, ke la Ligo deziras eksperimenti ankaŭ per Esperanto. Pri tio eĉ ĵurnalo raportis.

Sinjoro Várady staris tre afable kaj detale je mia dispono. Li multe vojaĝis kaj studis diversajn demandojn kaj klarvide ekrimarkis la eblecojn de Esperanto, kiam membro de la Ligo, profesorino Kiss, kiu de jaroj laboras kaj studas pedagogie, proponis la lingvon, por eksperimenti per ĝi. La Ligo havas tri grandajn celojn:

1. Edukaj demandoj, al kiuj apartenas eduko al la praktika vivo, la solidara internacia kunlaboro de la gepatroj, morala eduko, eduko al sento de komuneco, elekto de taŭgaj lernejoj, fakoj, uzo de la tempo eksterlerneja, ktp.
2. Demandoj pri korpa kaj anima saneco. Al ili apartenas ekzemple, ke ne ekzistas aparta korpa kaj aparta anima saneco, oni devas kuraci la tutan homon kaj la tutan socion kaj nur sana, feliĉa gepatraro povas trankvile kaj bone eduki.
3. Ekonomiaj demandoj, al kiuj apartenas la kostoj de instruiloj, lernolibroj kaj ties rehavigo per la praktika vivo, la rilatoj de scio kaj profitebleco, laŭcela ŝparado, asekurado, ktp.

Al la plej novaj eksperimentoj de la Ligo apartenas la Insulo de la Robinsonoj. Ĝi estas instituto en vilaĝo Albertiirsa proksime al Budapest sub gvido de profesorino Terezia Kiss. Robinson estis ĵetita de la uragano al neloĝita insulo kaj devis tie lerni mem fari ĉion kaj perlabori sian vivon. La robinsonoj de la vivo, orfaj, senhavaj geknaboj, vivos en la nova instituto, la „ŝiprompiĝintoj de la moderna vivo" kiuj estos per la plej modernaj pedagogiaj metodoj edukitaj al hodiaŭa praktika vivo. Ili mem subtenos la domon per purigado, kuirado, lavado kaj mem devos klopodi — sub kontrolo kaj laŭnecesa helpo de la Ligo — akiri la sufiĉajn rimedojn por subteni la domon kaj sin mem. Ili devas lerni nenion atendi de aliaj, sed en ĉiuj cirkonstancoj scii memfide, memstare agi, labori, sukcesi, fari sian vivon pli altnivela kaj efika, eĉ ĉiam lerni helpi aliajn, kiuj eĉ pli multe bezonas helpon. For la pasivan, ĉiam plenzorgan, senhelpe kaj pesimiste starantan generacion! La nova havu la malnovan devizon: Helpu vin mem kaj ankaŭ Dio helpos al vi! Alia devizo estos: „La taŭga infano sur la konvena loko." Oni studos la emojn de la infanoj kaj anstataŭ devigo al aferoj, kiujn elektas la plenaĝuloj, ili — ĉiuj pli ol dekdujaraj — mem elektos siajn profesiojn kaj agos laŭ siaj emoj, voloj, celoj — kiujn oni konscie, laŭplane edukos, evoluigos,

provos sukcesiĝi. Ĉiu lernu ian profesion. Ĉiu lernu ion, kion li povas seninterrompe daŭrigi en sia vivo, ne staru, kiel kutime post la lernejfino, senhelpe kaj senpraktike en la ĉiutaga vivo. Se iu eksperimento sukcesos, — ĉio estos nur provo — ili evoluiĝos ĝin, se ne, forlasos. Tia eksperimento do estas Esperanto. Oni devas per ĝi atingi praktikan sukceson. Ekzemple junulo ne studu komercadon el libroj, sed elektu adresojn el telefonlibro, skribu veran leteron, mendante kvanteton da varoj, kiujn li volas vendi (la Ligo ebligos, ke li komence pagu la ricevitaĵojn) kaj poste vere provu vendi ĝin inter konatoj, por akiri realan profiton. Tia korespondado devas okazi ankaŭ kun eksterlando. Ĉar ne estas eble instrui dum mallonga tempo multajn lingvojn, oni instruos prove nur Esperanton. Se per Esperanto la junuloj trovos eksterlandajn firmojn, kiuj korespondas Esperante kaj sendos varojn, la afero sukcesis — kaj la junuloj poste, kiel memstaraj komercistoj, daŭrigos tiun interilatojn — per Esperanto. Simile ili devos lerni memstare vojaĝi kaj — tiam ankaŭ povas servi la neŭtrala kaj facile lernebla lingvo. Tiun laboron la Ligo observos, direktos, sed lasos plenan liberecon al la agantoj. Similan laboron faros la similaj alilandaj Ligoj, kiuj espereble baldaŭ fondos eŭropan centron en Genève — nun estas nur en Usono, malproksima por agi sukcese. — La junuloj en diversaj landoj interŝanĝos siajn labortaglibrojn, en kiuj do ili devos en Esperanto enskribi la tagajn laborojn kaj sukcesojn, por reciproke kompreni kaj lerni. Tio ankaŭ pliintimigos la diversnaciajn gejunulojn kaj progresigos komunecan kaj amikan sentadon. La Ligo mem deziras proponi Esperanton por interna uzado: ĉia nacia Ligo de Gepatroj havu unu membron, kiu scias Esperante — el la esperantistoj aliĝu unu — kaj jam estos solvite, ke ĉiu Ligo povas korespondi kaj sendi raportojn en unu lingvo, en facila Esperanto. Tiu membro poste tradukas la ricevitajn raportojn en sian gepatran lingvon, por komprenigi ilin al siaj samnaciaj membroj. Direktoro Várady atendas do praktikan sukceson de Esperanto, kvankam, kiel li diris, liaj ĝisnunaj spertoj ne estis bonaj, ĉar la Esperanto-ekspozicioj, kiujn li studis atente ĉe foiroj en- kaj eksterlandaj, estas standoj diletante faritaj, kun multaj afiŝetoj, ne montrante ian grandstilan propagandon aŭ ne konjektigante, ke malantaŭ Esperanto staras jam grava organizo. Tion ne lasu la esperantistoj, li diris, ankaŭ ili devas uzi la servojn je tiuj okazoj de profesiaj reklamistoj, de fakaj aranĝantoj, se ili volas havi efikon. Li esperas, ke Esperanto estas pli valora, ol la multloke tute ne rimarkebla mondpropagando ĝin montras. Se jes, li promesas viglan kunlaboron kaj kunhelpon. La Ligo devas ja ĉie helpi, kie temas pri eduko, per eldono de libroj, gazetoj, starigo de konsildonaj oficejoj, ktp. La junaj loĝantoj de la „Insulo de Robinsonoj" ĉiusemajne unu tagon devas kuiri kaj doni manĝaĵojn al la malriĉuloj de la najbareco kaj partopreni en la agrikulturaj, mastrumadaj laboroj de la vilaĝo, eĉ en ĝia amuzado, por rekte interrilati kun la homa socio. Belaj celoj, noblaj celoj, ĉu la gepatraro tutmonda, ĉu la esperantistaro vere helpos?

Mi promesis al direktoro Várady, ke „jes", ĉu mi estis prava? Kiu respondos? . . .

Paŭlo Balkányi, Budapest VI.

---

## Dua internacia pedagogia kurso de Esperanto gvidata de s-ro Andreo Ĉe

**en Arnhemo 17—29 julio 1930.**

Estas malnova pedagogia demando pri la plivaloro de la metodo aŭ de la instruisto. Mi prezentas laŭ tiuj du vidpunktoj la tutan laboron de Andreo Ĉe dum la dua pedagogia kurso en Arnhemo.

I.

Estas vera frazo, se oni diras: „La bona poeto naskiĝas.“ Sed oni povas diri, ke ankaŭ bona pedagogo naskiĝas. Estis mirinde, kiel sinjoro Ĉe sukcesis veki kaj pligrandigi intereson por lernado de nia lingvo, ĉar estis 200 partoprenantoj el 22 diversaj landoj. Li uzis preskaŭ ĉiam la rektan metodon. Tia amuza, vigla rekta metodo estis aplikita al ĉiuj lernantoj, precipe al tiuj, kiuj estas simplaj homoj kaj ne preferas gramatikajn regulojn. Antaŭfiksita celo: ellernado de la esperantaj fundamentoj limigis materialon, certe por utiligi sukceson. En komenco progresis la lernado malrapide, poste pli kaj pli rapidiĝis. Sinjoro Ĉe volis, ke la gelernantoj ne nur komprenu kaj ellernu la sciindan materialon, sed ĝin ankaŭ travivu. Pro tio li multfoje uzis la ŝercon, multfoje uzis negativan metodon, ĉar tiamaniere oni ne perdas intereson. Sinjoro Ĉe ĉiam laboris kun la tuta gelernantaro kaj oni tuj povis vidi, ke li estas bone preparita kaj talentema pedagogo. Dum la 12 tagoj oni povis ellerni la fundamenton de la Esperanta lingvo. Laŭ la induktiva metodo la gelernantoj trovis mem la gramatikajn regulojn kaj havis pro tio grandan plezuron. Ĉie, kie estis eble, oni memkonstruadis kaj kombinadis gramatikajn elementojn.

Sinjoro Ĉe aranĝis la instruadon tiel, ke la gelernantoj povis mem vidi la rezulton de sia lernado kaj ĝoji jam dumlabore. Kiel la vera arto kontentigas kaj plezurigas ĉiujn homojn, tiel la ĝusta pedagogo ĉiam instruas kaj plezurigas ĉiujn. Kiel ekzemple ĉe la ludado de Mozart'aj verkoj oni sentas la artan simplecon, kiamaniere povas nur talentega artisto verki, tiel ankaŭ en laboro de sinjoro Ĉe multfoje lia laboro ŝajnis tro simpla kaj facila, sed vere estis bonege preparita, sentita kaj travivita.

II.

El tiuj malmultaj trajtoj pri la persono de sinjoro Ĉe oni povus ankaŭ ekrigardi liajn instrumetodojn. Kiel jam dirite, li uzis preskaŭ ĉiam rektan, induktivan metodon. Nur dum la unuaj lecionoj oni tradukis rakontojn de sinjoro Ĉe el Esperanta lingvo en nederlandan kaj en germanan lingvojn, ĉar oni volis veki la intereson inter gelernantoj. Ĉio, kion oni povas montri, vidi, aŭskulti kaj senti, estis ankaŭ montrita, vidita, aŭskultita, sentita. Al mi precipe plaĉis la negativa instrumetodo, ĉar la respondoj ne estis surprizaj, enkondukis en la pozitivan metodon kaj samtempe ripetis la lernitan materialon. Tiun ĉi metodon oni povas trovi en miaj naciaj poemoj, precipe en „Hasanaginica“. Tiamaniere fariĝas la lernado pli kaj pli vigla kaj la lernejo ŝanĝiĝas en vivejo. La instrumetodoj de sinjoro Ĉe multe helpis al la plena sukceso de la kurso.

III.

Fininte la kurson preskaŭ ĉiuj gelernantoj povis paroli kaj kompreni unu la alian. Tio estis ĉefa sukceso: en 12 tagoj ellerni la fundamenton de Esperanta lingvo kaj kompreni la vortfaradon kaj internan ideon de tiu lingvo! Mi opinias, ke nenie, neniam kaj en neniu alia lingvo oni povas en tiel mallonga tempo tiel bone sukcesi! Sed mi ne forgesu ankaŭ komenti la kaŭzon de tia sukceso. Certe oni pro tio multe devas danki al sinjoro Ĉe kaj al lia metodo. Sed ĉefa kaj la plej granda diferenco inter tiu ĉi kurso kaj inter aliaj kursoj estis, ke en aliaj kursoj oni nur lernas, sed en tiu ĉi kurso oni lernis, travivis la materialon, eĉ amis la homojn kaj la movadon.

Preskaŭ ĉiuj gelernantoj venis en lernejon kun esperplena koro kaj kun amo al nia nobla kaj granda ideo.

Sinjoro Ĉe sukcesis ne nur veki sed ankaŭ daŭrigi tiun sinceran kaj veran amon al nia movado. Sed krom tio li ankaŭ sukcesis veki la puran amon inter gelernantoj kaj la amon al si mem. Ĉiuj gelernantoj entuziasmiĝis por lernado de nia lingvo, por tuthomara amo, por amo

al sinjoro Ĉe kaj fine por interalia amo!! Estis bonege, ke ĉiuj aferoj lingvaj ne estis pritraktitaj sed nur ĉefaj de ili, ĉar la gelernantoj poste havos grandan plezuron mem serĉi, trovi kaj konstrui aliajn aferojn, regulojn ktp.

Mia koro estas plenplena de ĝojo kaj mi tre bedaŭras, ke tiu kurso jam finiĝis. Neniam mi povos forgesi karan sinjoron Ĉe, altegan celon de nia movado, tre ŝatatajn kaj amatajn gelernantojn kaj tre gasteman estraron de la urbo Arnhemo!

Vladimir Stahuljak, profesoro,
Bjelovar, Jugoslavujo.

---

# Kelkaj notindaj artikoloj

## el la esperantista gazetaro 1929.

(Vidu ankaŭ n-ron 2/3!)

### B. Esperantologio.

**Arta reguligo de lingvo-evoluo.** E. Drezen. (Ruslingve.) — Informilo de CK SEU. Moskvo, 1928. N-roj 9/10, 11/12. —La artikolo per ekzemploj pri evoluo de antikvaj kaj modernaj naturaj lingvoj montras, kiamaniere ili en sia evoluo estis arte reguligataj de homo kaj eĉ arte kreataj de li . Konklude la aŭtoro skizas la vojon, per kiu povus esti arte rapidigita evoluo de naturlingvoj al plia internaciiĝo kaj surbaze de sia analizo pruvas la eblon arte krei helpan lingvon internacian.

**Kiamaniere estiĝas lingvoj?** — Esperanto-Verband Berlin. 1929. Majo. — Parte el La Nova Epoko. E. Drezen: Historio de la Mondlingvo. — Estas citataj ekzemploj de intencaj lingvojkreoj, kiuj daŭre realiĝis: Sanskrito, klasika Latino, klerika Slavono, „Lingua Geral Brazilica“, Lingua franca (franca lingvo), Neuhochdeutsch (nova altgermana lingvo).

**Kiĉua — la lingvo de antikvaj Peruanoj.** P. Kirjuŝin. (Ruslingve.) — Internacia lingvo. Moskvo, 1929. N-ro 4/5 — En sia historia skizeto la aŭtoro rakontas pri helpa internacia lingvo de l' antikva Perua imperio — „kiĉua“.

# Recenzoj.

Vom Kultur- und Bildungswert des Esperanto. (Pri kultura kaj klereca valoro de Esperanto.) Dr. Robert Trögel. Germanlingve. Eldonis F. Hirt & Sohn, Leipzig 1930, Esperanto-fako. 77 paĝoj. Prezo 2 germ. rmk.

Dek pedagogiajn prelegojn kolektis kaj antaŭparolis D-ro Trögel, lerneja konsilisto saksa. Mallonge, sed profunde li starigas ĝeneralan bazon kultursciencan por la sekvantaj temoj. Ĉiu el ili povas doni multajn instigojn al ĉiu esperantisto. Jen la temoj: Raciigo kiel postulo de nia epoko — Esperanto estas formo de raciigo. Esperanto kaj fremdlingveca instruado en mezlernejoj. Fremdlingvo en popollernejo. Esperanto-instruado pri historio kaj mondlingvo. Esperanto kaj instruado geografia. Internacia infankorespondado en Esperanto. Eduko al interpopola pacigo kiel eduka tasko. Zamenhof kiel edukanto de la homaro. — La aŭtoroj montras, ke esperantistoj scipovas bone eviti superfluajn fremdvortojn en nacia lingvo. Tio certe estas bona rekomendilo. La valoron de tiu libro — precipe por la propagando — plej bone elmontras la fakto, ke Germana Esperanto-Asocio transdonis ĝin al la partoprenintoj de la 19-a Germana Esperanto-Kongreso kiel kongreslibron. R. W.

Internacia Kantaro. Kolekto de 139 popolaj kantoj el 55 landoj, 7 esperantaj kantoj, rondkantoj kaj kantsalutoj, 3 famaj koncertarioj, kolektitaj, grandparte tradukitaj kaj prilaboritaj de Paul Bennemann, membro de la Lingva Komitato.

Tekstaro, 16-a ĝis 20-a milo 1929, paĝoj 101, prezo 1.50 germ. rmk. Muzik-eldono, 4-a—6-a milo 1930, paĝoj 154, prezo 4.50 germ. rmk. Eldonis F. Hirt & Sohn, Leipzig, Esp.-fako.

Tiuj du libroj estas trezoro, kiun ĉiu

esperantista grupo devas posedi. Kompare al sia riĉa enhavo ili estas tre malmultekostaj. Estas vera ĝuo trastudadi ilin. Kiu ne povas kanti, tiu minimume mallaŭte — ne silente — legu, deklamu la kantojn, kaj li baldaŭ ĝojos pri la muziko de nia kara lingvo. Tio estas tre grava laboro de la prilaborinto kaj granda merito, ke li modele montris, kiel bone kantebla estas Esperanto. En sia antaŭparolo al la tekstaro li akcentas, ke tia poezio devas esti „senpene kaj flue legebla", kaj ke „la versaĵo devas nepre adaptiĝi al la melodio". Bennemann sekvas severe tiujn postulojn kaj la rezulto nur atestas, ke li pravas. Verŝajne per tio montriĝas, kiom simpla esprimmaniero laŭmuzika estas mirige forta fonto por bela, bona Esperanta stilo. Krome la verko jam estas internacia kulturologio muzika. Estas donitaj interesaj sciigoj pri la kantoj, ekz. pri deveno, apliko ktp. Ne mankas citoj pri nacio, komenco en nacia lingvo, aŭtoro kaj tradukinto, en la muzika eldono pri komponisto aŭ aranĝinto kaj jaro de origino. Tre praktike la libroj estas aranĝitaj. Ili enhavas alfabetojn laŭ komencaj vortoj en Esperanto kaj naciaj lingvoj, la kantoj mem estas ordigitaj alfabete laŭ nacioj. Laŭ muzika aranĝo la kantaro entenas kantojn por miksitaj voĉoj, viraj voĉoj, 2, 3, 4, 5, 6 voĉoj kaj kantojn kun fortepiana akompanaĵo. La kelkvoĉa aranĝo ebligas akompanadon per aliaj muzikinstrumentoj, do vi trovos, kion deziras via koro. Esperantistoj, kantu!

R. W.

---

## Pri la Oxforda ĝeinstruista kunsido.

Tiu okazis marde posttagmeze (5. 8. 30) en la malnova prelega ĉambro (Old Lecture Room) de Kolegio Christchurch. Samtempe Profesoroj Collinson kaj Cart estis donantaj prelegojn tre interesajn ĉe la Somera Universitato, kiujn nature kelkaj ĝeinstruistoj ĉeestis. Tamen la ĉambro tute pleniĝis.

*

Inter la sepdek ĉeestantoj el deksep landoj estis s-ino Manning, la prezidantino de la angla N. U. T., Profesoroj Findlay (Manchester), S. Kai (Taihoku, Japanujo), Mihalik (Budapest), Novljan (Praha), kaj, poste, Prof. Collinson (Liverpool), ĉefredaktoro Teo Jung („Heroldo") kaj kongresa prezidanto, s-ro B. Long (Londono).

*

Neeble estas ke oni donu multajn nomojn, sed la kunsido enhavis reprezentantojn de ĉiaj gradoj de instruado, el la plejelementa ĝis la universitata; ne nur ordinara, sed ankaŭ profesia, metia, teknika, komerca kaj diverse specialaj. Kvar longedaŭraj esperantaj instruistoj anglaj ĉeestis; la alilanduloj enhavis instruistojn el Islando kaj Japanujo.

*

Pro tio, oni multe bedaŭris la mallongecon da tempo, kaj la neĉeestadon de D-ro Dietterle kaj aliaj ŝatataj kolegoj.

*

Ĉar la ĉambro estis malfacile trovebla, multaj malfruiĝis. Oni do prokrastis la komencon dum kvaronhoro, kaj la prezidanto mallongigis siajn salutvortojn. En tre malmulte da frazoj li bonvenigis la kolegojn, anoncis la duflankan karakteron de la kunsido, t. e. jarkunsido de TAGE kaj ĝenerala instruista kunveno. Bedaŭrante la foreston de kelkaj altestimataj kolegoj, li nomis D-ron Dietterle. Lia nomo kaj la legado de lia letero al la kunsido elvokis fervoran aplaŭdon. Tamen kiam oni transdonis lian sugestion ke, ĉar eble kelkaj Esperanto-nespertuloj ĉeestas, oni donu foje mallongan eksplikon anglalingve pri pli gravaj eroj, du kolegoj tre energie kontraŭstaris, kaj ŝajne la plejmulto samopiniis.

*

Sekvis la legado de la jara raporto de TAGE. Ĉiuj atente aŭskultis. Poste aŭd-

iĝis unue ŝajne diversaj opinioj. Ekzemple: oni aprobis la okazintaĵojn kaj la agadojn de la laborkomisiono: diskutis, kaj fuŝigis, la proponon pri plialtigo de kotizaĵo: pripensis la sugestion pri instruista kongreso (vidu poste). Fine ili kore kaj preskaŭ unuanime akceptis la proponon, ke ni akceptu la raporton kaj samtempe kore danku al la laborkomisiono, kiu dum la jaro vigle kaj sukcesplene agadis pro TAGE, pro eduko kaj pro Esperanto.

*

Pri la sugestio en la raporto, ke ni pripensu apartan geinstruistan kongreson, post diskutado, estas decidite ke:

„Tiu ĉi kunsido aprobas la proponon de geinstruistara kongreso; kaj forte esperas ke ĉiuj kolegoj memoros la sugestion, kaj ke ĉiu faru sian eblon por ebligi tian kongreson kiel eble plej frue."

*

La konfirmo de la elekto de Geo. W. Roome kiel prezidanto estis proponita kaj akceptita.

*

F-ino C. M. E. Morton (Huddersfield) legis la raporton pri IALA kaj Kunlaborado. Denove estis malsamaj opinioj, protesto ke ne estas la afero de ĉi tiu kunsido, ktp.; sed fine oni rezoluciis ke ni ricevis kaj aŭdis la raporton, kiu certe interesigis kaj informis multajn.

*

Tiam alvenis Prof. Collinson, kiu legis sian pensigan disertacion pri la Ligo de Nacioj kaj la lernejoj. Bedaŭrinde, manko de tempo kaj la forta deziro de kelkaj ĉeestantoj ke ili antaŭen puŝu, eĉ enŝovu. aliajn aferojn, malpermesis taŭgan diskuton. Sed kelkajn tre valorajn informerojn ni haviĝis el la detaloj kaj proponoj de Prof. Collinson kaj pliparte la kunsido simpatiis kun la ideo ke la lernejuloj lernu, komprenu, kaj kiom eble kunagadu Ligajn agadojn.

*

Prof. Mihalik (Budapest) proponis trī rezoluciojn petante ke

1. ICK nepre turniĝu al kult-ministroj de diversaj ŝtatoj per peto, ke oni nepre enkonduku la devigan instruadon de Esperanto en instruistajn seminariojn aŭ similajn preparejojn;
2. komencu fortan agadon ĉe la naciaj asocioj por ke ili klopodu aranĝi kursojn por geinstruistoj, prefereble laŭ la Ĉe-metodo, kiam eble kun la helpo de la ŝtato kaj de la Ĉe-Instituto en Hago;
3. plenforte agadu kune kun la naciaj asocioj kaj la skoltaj institutoj, rondoj kaj grupoj, pro la akcepto de Esperanto kiel internacia helplingvo; kaj ankaŭ komencigu kursojn inter la skoltoj por la — kiam eble deviga — lernado de la lingvo.

*

Prof. Mihalik ankaŭ proponis tutkoran dankesprimon al pastro Ĉe, ĉar li tiel altvalore servadis la Esperantan movadon. Tiun ĉi la kunsido fervore kaj aklame akceptis. La prezidanto skribe transdonis tiun dankesprimon al pastro Ĉe.

*

Oni ankaŭ decidis, laŭ propono de f-ino Riley, subtenata de Prof. Kai, ke „la TAGE kaj geinstruista kunsido ĉe U. E. Kongreso, Oxford, 1930 invitas al la naciaj unuiĝoj de instruistoj ke ili:

1. oficiale aliĝu al TAGE,
2. starigu Esperantajn sekciojn en naciaj unuiĝoj por propagandi Esperanton,
3. faru raportojn en naciaj instruistaj gazetoj pri laboro farita de tempo al tempo por Esperanto en naciaj unuiĝoj."

*

Ĉar la tempo forflugis, oni devis mallongigi la paroladon de kolego Kurt Hildebrand el la Blindula Instituto ĉe Berlin. En malpli ol du minutoj li sukcesis instigi la kunsidon al rezolucio favore al koopera agado inter tiuj kiuj instruas blindulojn, aŭ en specialaj lernejoj aŭ alie.

Prof. Saburo Kai (Taihoku, Japanujo) disdoninte al la ĉeestantoj broŝuretojn

kun japana, esperanta kaj angla tradukoj de la letero de bonvolo al tutmondaj geknaboj, elsendita de la geknaboj lernantaj en Formoso, parolis mallonge sed tre interesige pri tiu movado, unue responda al la bonvola sendaĵo de la kimraj infanoj, sed nun pliampleksa kaj notinda pro ĝi mem kiel altvalora pacpropagandilo.

*

S-ino Manning, prezidantino de N. U. T. (angla nacia unuiĝo de geinstruistoj) invitis la NUT-anojn ke ili restu post tiu kunsido por pripensi la antaŭenpuŝon de Esperanto ĉe la geinstruistaro brita. Dum tiu ĉi postkunsido ili decidis pri kelkaj agadoj; inter aliaj, metodo por certigi la pripenson de la Esperanta rezolucio dum la paska N. U. T.-Konferenco. Kvankam tia propono aperis ofte sur la tagardo, ĝis nun oni ne atingis ĝin diskute.

*

Bedaŭrinde la horloĝo, la temanĝo, kaj la forgeso de la prezidanto agis kune por malpermesi parolokazon al kelkaj kolegoj. Persone mi devas apologii al kolego M. Pätz (Zittau) kiu, oficiale reprezentante la saksajn kolegojn, deziris transdoni bonvenojn kaj informojn el ili. Feliĉe la TAGE-a raporto informis nin iome pri iliaj sukcesoj merititaj.

Kun malpli ol tri horoj disponeblaj estis tute neeble ke ni ĉion pritraktu: kaj kiel plendis kolego Mawson (Londono) ni ne povis plene, eĉ taŭge, diskuti iun ajn proponon.

*

Eble kiam la sugestiita geinstruista kongreso realiĝos, ni povos elekti definitivajn temojn, kaj sufiĉe pripensi ilin. Tio certe plivalorigos niajn decidojn. Do, ke ni ĉiuj pripensu tian kongreson. Oni jam parolis pri antaŭkongreso de la ĉiujara universala. Ĉu ne estus plibone sendepende, je la fino de junio aŭ komenco de julio, ĉe loko centra por la eblaj ĉeestontoj?

Geo. W. Roome.

# Raportoj por la fakkunsido en Oxford.

## II. Raporto pri „IALA" kaj „Kunlaborado".

Same kiel pri TAGE vi trovas de kelkaj jaroj regulajn raportojn en nia IPR, kiuj rilatas la temon: IALA kaj kunlaborado kun ĝi. Do, mi simple povus atentigi pri ili kaj rezigni al speciala raporto por nia fakkunsido. Tamen ĝi estas necesa, ĉar certe ĉeestas nian hodiaŭan kunsidon kelkaj gekolegoj, kiuj bezonas klarigojn pri la esenco kaj la celoj de IALA kaj ĝiaj rilatoj al nia laboro.

IALA estas la mallongigita nomo por „International Auxiliary Language Association", grava asocio, fondita en Usono en la jaro 1924. Mi ne volas paroli pri la cirkonstancoj, sub kiuj ĝi estas starigita, sed nur konstati, ke al ĝi apartenas tre gravaj personoj el la gvidantaj sociaj kaj sciencaj rondoj en Usono. Ĝi celas esplori ĉiujn postulojn rilate unu taŭgan mondhelplingvon, kiu poste estu instruata en ĉiuj edukaj kaj instruaj institutoj de la mondo, por forigi la malhelpaĵojn inter personoj havantaj malsama,.ı gepatrajn lingvojn.

Por ni speciale estas grave, ke tia grava asocio oficiale konstatis la bezonon de mondhelplingvo, kaj same grava estas ĝia programo, kiu celas tri specojn de esploroj: edukan, lingvan kaj sociologian.

Ne estos eble dum la mallonga tempo, kiun vi povos disponi al mia raporto dum nia fakkunsido, priparoli detale la organizacion de IALA kaj la multajn laborojn kaj konferencojn, kiujn ĝi jam efektivigis. Bonvolu, se vi havas intereson por la detaloj, legi la ĝis nun jam liveritajn raportojn de D-ro Dietterle kaj de mi en IPR. Speciale mi atentigas vin pri tio, ke la Honora Sekretariino de IALA, s-ino Alice V. Morris, jam en la jaro 1927 aperigis raporton pri sia asocio en Esperanto, kiun ŝi disdonis dum nia internacia kongreso en Danzig. Cetere mi atentigas

pri la fakto, ke nia hodiaŭa ĉefparolanto, s-ro Prof. Collinson, tre bone konas IALA-n kaj ke li jam ofte persone kunlaboris kun s-ino Morris. Li certe donos al vi, se tio estas necesa, respondojn al demandoj, kiuj rilatas nian temon.

Por ni, kiel por esperantistaj gekolegoj, specialan intereson prezentas la fakto, ke IALA faras lingvajn esplorojn. Ni jam estas konvinkitaj, ke la mondlingva problemo en la praktiko estas solvita. IALA opinias, ke ĝi ankoraŭ bezonas detalan objektivan kaj neŭtralan esploron de sur scienca bazo. Por tia laboro IALA deziris fari, krom la lingvajn, ankaŭ aliajn esplorojn, nome ankaŭ pri la edukaj valoroj de la diversaj sistemoj. Do, ĝi ankaŭ bezonas materialon pri Esperanto.

Jam antaŭ kelkaj jaroj IALA komencis kolekti la tiurilatan materialon kaj aperigis ĝin en du broŝuroj „Progress in Learning an Auxiliary Language“, kaj „A Preliminary Investigation of the Teaching of Auxiliary Languages in Schools“. Ĉar la direktoro de la Germana Esperanto-Instituto, Prof. D-ro Dietterle, estis liverinta materialon rilate la temon „Esperanto kaj lernejoj“ jam antaŭ 4 jaroj. IALA per s-ino Morris komisiis lin, daŭrigi ĉi tiun laboron kaj IALA donis al li la necesan financan subtenon por ĝi. Por montri la efektivan intereson de IALA por Esperanto, mi diru, ke s-ino Morris kaj kelkaj de ŝiaj kunlaborantinoj tute ne kontentiĝis pri teorio, sed mem lernis kaj parolas nian lingvon.

La situacio nun estas la jena: D-ro Dietterle promesis, kolekti kaj liveri al IALA la materialon necesan rilate Esperanton kaj precipe rilate ĝian uzadon en lernejoj kaj en instruistaj rondoj, materialon, kiu ankaŭ samtempe parte taŭgas por la celoj de la Instituto J. J. Rousseau, gvidata de nia ŝatata samideano, Prof. D-ro Bovet en Genève. Tiamaniere estas starigita la „Kunlaborado de IALA en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Genève kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig.“ Mallonge en IPR ni citas ĝin kiel „Kunlaborado“.

Ĝia unua tasko, ĉar unue la tuta afero bezonas organizan bazon, estis:

1. kolekti la statistikan materialon pri instruistoj, kiuj estas Esperantistoj. Ni sukcesis, kolekti ĝis 1-a de julio 1930 la adresojn de 6067 esperantistaj instruistoj el 61 landoj;
2. kolekti notojn pri lernejoj, en kiuj oni instruis aŭ instruas Esperanton. Ni nun havas notojn pri 862 lernejoj el 37 landoj.
3. Kunlaborado dissendis „testojn“, por havigi tre necesan materialon al la Instituto J. J. Rousseau. Ankaŭ pri ĉi tiu afero vi trovas diversajn raportojn en IPR. Mi forsendis 1684 testojn al 26 landoj. Tute kompletaj testoj revenis 262 el 15 landoj.
4. Fine de la lasta jaro D-ro Dietterle starigis centron por la korespondado inter geinstruistoj kaj inter gelernantoj, nian „Korespondo-Oficejon“, kiu aldonas la listojn de korespondemaj instruistoj kaj lernantoj al IPR. Ĝis nun anoncis sin 118 instruistoj el 19 landoj kaj 2928 gelernantoj kaj 15 klasoj sen nombro de la gelernantoj el 14 landoj.

La fakto, ke la laboro farata por IALA en kunlaborado ebligas, liveri la materialon aluditan en la nomitaj 4 punktoj, montros, kiom grava estas por nia TAGE-asocio kaj por nia instruista movado la Kunlaborado kun IALA. Ĝia kaj nia celo estas la samaj, nome, konstati la edukan valoron de mondhelplingva sistemo.

Martha Moelke.

---

# Por la statistiko! Atentu!

Por la statistiko, kiun ni faras por IALA (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.), New York, rilate la esperantistan instru-

istaron kaj rilate la temon „Esperanto en lernejoj", ni nepre bezonas ankoraŭ specialan materialon laŭ decido de IALA. Estas necese, konstati, en kiuj lernejoj de la mondo dum la tempo de la lasta kvaronjaro 1. X.—31. XII. 1930 Esperanto estas instruata en lernejoj.

Ni tre kore petas, ke ĉiuj gekolegoj, kiuj dum ĉi tiu tempo instruas Esperanton en siaj lernejoj, sciigu nin pri tio. Ili estas petataj:

1. doni sciigojn pri la koncerna lernejo, sciigante ĝian nomon en sia nacia lingvo (per latinaj literoj) kaj samtempe doni la nomon kaj la gradon en Esperanto,
2. doni sian precizan propran adreson kaj
3. aldoni notojn, kiuj ŝajnas necesaj por klarigi la situacion.

(Ekzemplo:

al 1. 5. Gemeindeschule Berlin S. 13, Blumenstrasse 49 [unuagrada popollernejo] —

al 2. Hans Feierabend, Volksschullehrer [popollerneja instruisto], Berlin W. 35, Poststrasse 92 II

al 3. 2 horojn po semajne, nedevige, por 12-jaraj knaboj de la 6-a lernojaro.)

Estas tre grave, ke ni povu liveri kiel eble plej kompletan materialon, grave por nia kunlaborado kun IALA kaj same grave por nia Esperanto-propagando.

La rezulton ni transdonos al nia Esperanto-gazetaro.

Kunlaborado de IALA en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Genève kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig
D-ro Dietterle.

NB. Bonvolu sendi la materialon — plej malfrue ĝis fino de l' jaro 1930 — al la sekretariino de „Kunlaborado":

F-ino Martha Moelke
Brandenburgische Str. 5,I
Berlin-Südende

---

# Karaj saksaj gekolegoj!

**Nia ĉefa jarkunveno** okazos sabaton, la unuan de Nov., 18.30 h. en la gastejo Schützenhaus, Döbeln. Jen la tagordo: 1. Jarraporto de la prezidanto; 2. Kasraporto; 3. Elektoj; 4. Parolado de Prof. D-ro Dietterle, Leipzig, „La universala organizacio de la Esp.-movado kaj nia faka organizacio"; 5. Diversaĵoj; 6. Debato.

Estas tre dezirinde, ke la gekolegoj vizitu nian ĉefkunvenon kiel eble plej multnombre. Ĝi ja estas la malofta okazo por personaj interrilatoj inter la membroj kaj la estraro kaj por komuna pritraktado de la grava temo „Esp. kaj lernejoj". Krom tio nia ĉefkunveno havas propagandajn celojn. Ni volas varbi la kolegaron de la tiea regiono. La S. L. V., la distriktaj instruistaj asocioj de Döbeln kaj ĉirkaŭaĵo, multaj honoraj gastoj kaj la ministerio por popolklerigo estas invititaj. S. L. V. = Saksa geinstruista unuiĝo.

Ni elektis Döbeln por nia ĉefkunveno, ĉar tiu ĉi urbo estas bone atingebla. Krom tio la Saksa Esperantistaro aranĝas sian Ligotagon en Döbeln (1. kaj 2. de Nov.), kaj nia ĉefkunveno estas kvazaŭ parto de tiu landa kongreso. Tiuj gekolegoj, kiuj ne volas partopreni la entreprenojn de la Saksa Ligo, havas la eblecon reveturi la saman tagon kaj uzi eĉ dimanĉan bileton, ĉar laŭ la novaj reguloj la dimanĉaj kartoj rajtigas ankaŭ, reveturi jam sabate. Do, karaj gesamideanoj, dediĉu tiun sabaton, la unuan de Novembro, al Esperanto kaj
vizitu la ĉefkunvenon en Döbeln!
Ĝis revido en Döbeln la 1-an de Nov.!

Walter Hahn, Gohlis-Dresden
prez. de la Esp.-Asocio de Saksaj Geinstr.

---

**La venonta numero aperos la 1-an de decembro.**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 7.

# A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 128.**
1. Juhász Gyula 2. studento 3. ? 4. a) Hálvária-sor 12 b) Székesfehérvár d) Hungarujo 5. tutmondaj gesamideanoj 6. iu ajn temo.

**N-ro 129.**
1. Ignaz Storm 2. distrikta lernejinspektoro de popol- kaj ĉeflernejoj (burĝlernejoj) 3. 44-jara 4. a) Wormgasse 5 b) Graz c) Stirio d) Aŭstrujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. instruo kaj edukado, homoj kaj ilia vivo, kutimoj ktp. 7. interŝanĝo de diversaĵoj.

**N-ro 130.**
1. Grässler 2. studento ĉe la universitato Leipzig 3. 20-jara 4. a) — b) Oberhohndorf bei Zwickau c) Saksujo d) Germanujo 5. fraŭlinoj, prefere el Italujo, Hispanujo, Francujo 6. iu ajn temo.

**N-ro 131.**
1. Ladislav Krisl 2. fakinstruisto de la burĝa (pli alta) lernejo 3. 36-jara 4. a) Nádražní 551 b) Lom u Mostu d) Ĉeĥoslovakio 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. instruista vivo, fizikalaj demandoj, naturscienco, motociklismo 7. interŝanĝado de lernejlibroj, naciaj gazetoj, landkartoj, p. i.

**N-ro 132.**
1. M. Morkunas 2. instruisto en popollernejo 3. ? 4. b) Šaukoto pašt. agenturo d) Litovujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. teozofio, spiritismo, budismo.

**N-ro 133.**
1. Max Kricheldorf 2. instruisto en popollernejo 3. 28-jara 4. b) Proetzel bei Sternebeck c) Kreis Ober-Barnim d) Germanujo 5. rusaj geesperantistoj (por lerni la rusan lingvon) 6. ĉiu temo 7. lernado de fremdlingvoj precipe per Esperanto.

**N-ro 134.**
1. Sigurd Christensen 2. popolinstruisto 3. 22-jara 4. a) Ladegaardsgade 43 b) Assens c) Fyn d) Danujo 5. gekolegoj el ĉiuj landoj, precipe anglaj, francaj, hispanaj, egiptaj, ĉinaj kaj japanaj 6. instruo kaj eduko, eble pri geografio kaj iu ajn temo 7. deziras ankaŭ anglan korespondadon.

**N-ro 135.**
1. Artur Scholz 2. sola instruisto en vilaĝa popollernejo 3. 35-jara 4. b) Zahn, Post Saabor c) Kreis Grünberg (Silezio) d) Germanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. instruado en vilaĝaj lernejoj kun nur unu instruisto.

**N-ro 136.**
1. Antoinette Nahon 2. instruistino en katolika popollernejo 3. 22-jara 4. a) Gulpen 5 b) Reymerstok d) Holando 5. koleginoj en Italujo, Finlando, Aŭstralio, Svisujo 6. edukado, popolkutimoj ktp.

**N-ro 137.**
1. Teodoro Kovács 2. profesoro por stenografio en virina komerca lernejo kaj en fervoja instituto kaj instruktoro de Esperanto kaj lingvoj 3. 50-jara 4. a) Farkas Ignác u. 5/a b) Rákosszentmihály d) Hungarujo 5. iu ajn el ĉiuj partoj de la mondo 6. stenografio, lingvoj, etnografio, maŝinskribado kaj diversaj skribstudoj 7. cigana lingvo, Esperanto-instruado, kutimoj kaj ceremonioj en diversaj landoj, turismoj.

**N-ro 138.**
1. Arno Röhriger 2. instruisto de popollernejo 3. 38-jara 4. a) Jul. Voigtstrasse 77 b) Tharandt c) Saksujo d) Germanujo 5. ekstergermanaj tutmondaj geinstruistoj 6. manskriboj 7. manskriboj de lernantoj, interŝanĝo de naciaj manskriboj de plenaĝuloj kaj precipe lernantoj.

**N-ro 139.**
1. Hazimu Kitagaŭa 2. instruisto de elementa lernejo (14-jaraj geknaboj) 3. 27-jara 4. a) Takaoka-musa b) Ichishi-gun c) Mieken d) Japanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. metodo de instruado kaj inklino de eduka ideo 7. interŝanĝo de knabaj pentraĵoj, manteknikaĵoj, verketo fraze tradukanta al Esperanto kaj aliaj.

# B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

**N-ro 69.**
**Svedujo.** 1. Inglatorp, Torskors 2. lernanto de popollernejo 3.—4. ? 5. alilandaj lernantoj 6. iu ajn temo 7. lernanto Bernt Herluvsson, popollernejo, Inglatorp, Torskors (Svedujo).

**N-ro 70.**
**Svedujo.** 1—6 kiel supre 7. lernanto Torsten Nilsson, popollernejo, Inglatorp, Torskors, Svedujo.

**N-ro 71.**
**Svedujo.** 1—6 kiel supre 7. lernanto Bertil Svensson, popollernejo, Inglatorp, Torskors, Svedujo.

---

**Notoj pri antaŭaj numeroj:**

**N-ro 57** de rubriko B (listo 5) ne plu deziras korespondantojn.
**N-ro 50** de rubriko B (listo 4) plendas, ke ĝis nun ne anoncis sin korespondantoj.
**N-ro 79** de rubriko A (listo 4) plendas, ke ĝis nun ne anoncis sin korespondantoj.
**N-ro 52** de rubriko B (listo 4) ricevis nur 2 respondojn.

---

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia gento aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto“, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto“.

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
**1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)**

---

# Bonvolu skribi nur

pri aferoj de redakto
al la Redaktejo,

pri aferoj de abono, anonco kaj mono
al la Administrejo,

pri aferoj de informo
al la Sekretariejo,

pri aferoj de TAGE-organizo
al la Prezidanto!

---

Lernolibro por popollernejoj kaj infankursoj

## Unika sukceso: Vendiĝis 1000 ekz. dum 4 semajnoj

Instruistoj vi sukcesos ĉiam laŭ tiu rekta demonstracia metodo.
Nur en Esperanto

# Esperanto-Lernolibro

## por popollernejoj kaj infankursoj

**Laŭ rekta metodo verkita de Arthur Degen laŭ komisio de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj**

Kun multaj — ankaŭ multkoloraj — bildoj de la fama pentroartisto Ernst Kutzer.
Unua parto: Unua — dua lernjaro. — 1930. — 67 paĝoj. — Kartonita: gmk. 2.—

**Instruistoj ricevas unu ekzempleron je la favorprezo de gmk. 1.— = sv. fr. 1.25. Vi ricevas unu ekzempleron senpage je enkonduko de ĉi tiu nova metodo kaj mendo de almenaŭ dek ekzempleroj.**

Oni pagu nur per poŝtmandato aŭ per naciaj, bonvalutaj monbiletoj en rekomenditaj leteroj. Germanoj uzu nian poŝtĉekan konton Leipzig 523 72

Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig C 1, Salomonstr. 15

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.